

# Laborista Esperantisto

14DE JAARGANG, No. 7, 1 DECEMBER 1945
VERSCHIJNT ZO MOGELIJK MAANDELIJKS.
VOOR LEDEN GRATIS. OPLAAG 3500 EX.

Alle correspondentie betreffende de redactie en de administratie van dit blad gelieve men te zenden aan het secretariaat van de Federatie van Arbeiders-Esperantisten:
Vier Heemskinderenstraat 53², Amsterdam-W.

ORGAAN VAN DE FEDERATIE VAN ARBEIDERS-ESPERANTISTEN
IN HET GEBIED VAN DE NEDERLANDSE TAAL

# Duona jaro

Majo — novembro, duona jaro post la milito pasis. La supremado super la esperanto-movado en Nederlando ĉesis. Eblis al ni reeklabori; momenton, al kiu multaj sopiris, kaj kiun ili atendis dum longa tempo de pluraj jaroj, kiam la vivo estis malsekura kaj minacata de perforto, malsato kaj malsano. Per singardaj antaupreparoj nia Federacio sukcesis tuj post la militofino en Nederlando refunkcii. Entuziasmo stimulis la aktivecon de niaj anoj en ĉiuj anguloj de nia lando. La kontakto fariĝis pli kaj pli sekura kaj firma. Tiu entuziasmo penetris pli kaj pli vaste tra nia regiono kaj trovis eĥon ĉe daŭre pligrandiĝanta aro da realiĝintoj.

Ankoraŭ nia organizo ne atingis sian antaŭan forton, sed ĉi tiu pasinta duonjaro ĉiel subtenas nian optimismon, ke ĝi nerefuteble en la estonto sukcesos plivastiĝi tiom vaste, kiom neniam antaŭe. Nur duona jaro pasis. Enskribiĝis intertempe jam nia 2000-a ano; la 2500-a nun alproksimiĝas, ni estas survoje al la 3000-a!

Okazis plensukcese la unua kongreso post la milito, nia 26a, en Amsterdam. Novaj planoj ricevis en ĝi fiksan formon. Aperadas regule nia organo Laborista Esperanto. Nia Libro-Servo bone funkcias. Kompetenta oficisto laboras por ĝi. Ĉie en la lando oni propagandas Esperanton spite al manko de propagandaj materialoj kaj ebloj.

Esperanto-ekzamenoj jam okazis. Aperis en Esperanto tradukita libro de fama nederlanda aŭtoro. Eldoniĝis lernolibroj; tiu por komencantoj en kvanta de 4000 ekz. De ĉi tiu lastnomita proksimume 3000 estas venditaj por la nunvintraj kursoj.

Duona jaro pasis. Ĝi stimulas al plua laboro por la triumfo de nia idealo!

# Gevaren van de engelse taal

Wij zijn niet beducht voor de invoering van het Engels als internationale taal. Het is ook niet daarom, dat wij de vinger leggen op uitingen welke wij de voorstanders daarvan ter overdenking voorleggen. Wellicht, dat zij hun even nutteloze als heilloze propaganda voor de engelse taal, als internationale taal, dan zullen staken en de verwezenlijking van ons ideaal, de algemene invoering van Esperanto, niet weer in de weg komen.

Dat Esperanto de nationale talen niet zal verdringen, daarvan zal zeer zeker de tegenstander, die zelf twijfelt aan zijn bruikbaarheid, overtuigd zijn.

Och, het Engels zal ook onze nederlandse taal niet elimineren. Maar daar waar de penetratie der Engelsen een kans heeft of reeds plaats vond, is het gevaar daarvan niet denkbeeldig. Zo in Zuid-Afrika, waar de aan ons Nederlands verwante afrikaanse taal een voortdurende strijd moet voeren om zich te doen gelden. Vele „boeren" zijn niettemin verengelst. Maar de afrikaanse cultuur bloeide weer op, d.w.z. de op het Afrikaans — de taal der „boeren"-afstammelingen — gevestigde cultuur, mede mogelijk gemaakt door de invoering van het Afrikaans in de administratie en bij het onderwijs. Evenwel constateert Prof. Dr. P. Geyl (Internationale Informatiebladen 2e jaarg. No. 20, October 1945), dat er op enkele punten, mede door de overheersende invloed van de engels sprekenden in de regering, aan de verworven positie van het Afrikaans wordt gewrikt. Het ergste volgens hem is dit. Volgens de wet waren er afrikaanse en engelstalige scholen, en de kinderen moesten lager onderwijs volgen in de taal van hun gezin. Nu echter zijn er tweetalige scholen mogelijk gemaakt, hoewel onder het oude systeem de andere taal niet verwaarloosd werd en het is duidelijk, aldus Prof. Geyl, dat hiervan de zwakste der twee talen de dupe zal zijn. De afrikaanse onderwijswereld is hevig verbolgen. Koren op de molen van de Nationalisten, hetgeen kan leiden tot op de spits gedreven anti-engelse politiek.

Hier wreekt zich dus het opdringen van de taal, die het geestelijk bezit is van een andere, grote natie. Juist daarom wijzen de afrikaners deze af niet alleen, maar zij stellen zich daar tegen te weer. Hetgeen tot gevolg heeft conflicten en wrijvingen, een altijddurende afwijzing van al wat engels is.

Zien we thans naar Indonesië. Het N.I.O.G. (Ned. Ind. Onderwijzers Genootschap) heeft zich bezig gehouden met het ontwerpen van een onderwijsstelsel voor Indonesië, dat gericht is op uitroeiïng van het analfabetisme. Het Indonesisch of een der regionale talen biedt vooralsnog niet de mogelijkheid tot voldoende geestelijke ontwikkeling en zal dus een europese taal te hulp moeten komen, lezen wij in Paraat .6-10-1945). En voorts: „Waar een beduidende groep van Indonesiërs reeds een behoorlijke grondslag van de nederlandse taal bezit, Nederland zelf een goede plaats in de wetenschap inneemt en er tenslotte op gerekend kan worden, dat op enigerlei wijze Nederland en Indonesië verbonden zullen blijven, is de nederlandse taal hier de aangewezene", meent de schrijver. „Alhoewel er ook naar gestreefd moet worden, dat het Indonesisch (waarmee vermoedelijk Maleis bedoeld wordt. H.W.A.) de algemene verbindingstaal wordt, al mogen de regionale talen zeker niet verwaarloosd worden. Bovendien zal bewust gestreefd moeten worden naar een toestand, waarin het Indonesisch, en voor zover gewenst en mogelijk, ook één of meer regionale talen, ook in de hogere wetenschap gebruikt worden."

Wij zijn ons er wel van bewust, dat dit program er een is van zuiver eigenbelang van nederlands standpunt gezien. Het Maleis, voldoende als verkeerstaal in de Indische archipel, waarvan gezegd wordt, dat het daar de functie van het Esperanto vervult, schiet tekort als taal der wetenschap. Dat gebrek moet verholpen worden, in afwachting waarvan een europese taal te hulp zal moeten komen. Die europese taal blijkt dan de onze te zijn. Uiteraard omdat ons belang bij Indië heel groot is. Onze taal verdringt de inheemse talen niet, maar de intellectuelen en zij die voor een ambtelijke functie in aanmerking wensen te komen zijn wel verplicht ook de nederlandse taal te leren.

Wat nu als de band met Nederland losser wordt? Als de invloed der Nederlanders afneemt? Als de Indonesiërs niet meer de nederlandse universiteiten behoeven of wensen te bezoeken? Als wellicht de investering van amerikaans kapitaal toeneemt en als gevolg van Engelands bemoeiïngen de invloed mede van de Engelsen groter wordt? Daar zou, in tegenstelling met Zuid-Afrika, voorlopig althans, van nationalistische zijde toenadering gezocht kunnen worden met Engeland en de Verenigde Staten.

Het „gevaar" is hier niet denkbeeldig, dat het Indonesische intellect zich van de nederlandse taal afkeert en daarvoor het Engels kiest! Want hoezeer ook Nederland een goede plaats in de wetenschap inneemt, lijkt het ons enigermate hypocritisch daarom het Nederlands voor de Indonesiërs voldoende te achten als *de* europese taal, die hun bij hun geestelijke ontwikkeling behulpzaam moet zijn, terwijl men die ontwikkeling van ons Nederlanders eerst voltooid acht bij de kennis der „moderne" talen.

Als men nu per sé het Engels wenst ingevoerd te zien als internationale taal, omdat-het-al-zo-verbreid-is, mogen wij de Indonesiërs toch niet als tweederangs burgers beschouwen en

# Raporto pri la 26a kongreso, okazinta la 6an kaj 7an de oktobro en Amsterdamo

*Daŭrigo.*

Ordo Propono.
*K-do Bout:* Pro akcepto de la propono por elekti komisionon ni nun ne bezonas pritrakti proponojn 5 kaj 6. Ankaŭ ilin ni transdonu al la komisiono.
Akceptite.
Ordopropono koncerne prop. 7.
*La prez.* tuj voĉdonigas pri ĝi. Kontraŭ ĝia akcepto estas: Amsterdam II ,Arnhem, Gouda, Rotterdam I, IV kaj V, Wormerveer, Zaandamo, la ĝeneralaj membroj k-do Leereveld kaj k-dino Leereveld.

ADMINISTRADO.
Proponoj 18, 19, 20 kaj 21.
*Rotterdam II* reprenas la 18an kaj 19an proponojn. La delegito rekomendas ilin je la atento de la elektita komisiono.
*Heilo*, kiu amendis la 18an proponon, (erare estis menciata en „L.E.": amendo de sekcio Groningen) samopinias kun Rotterdam II.
*K-do Ten Hagen:* Sekcio Heilo ne havas komprenon pri urboj. Ĝi ja esprimas per sia amendo, ke urbaj distriktoj tute ne havu enspezojn. Sed kiu korpo povas flori sen mono? Ni rekomendas al la kongreso proponon 18an por centra membroregistro por la tuta urbo, sed la amendo de Heilo ni opinias nur malakceptinda.
*K-do Veen* esprimas la deziron, ke ankaŭ proponoj 20a kaj 21a estu konsiderataj de la komisiono.
Akceptite.

LANDA ESPERANTO-MOVADO.
Prop. 14, 15, 16 kaj 17.
*K-do Kruit* rimarkigas, ke la estraro opiniis necese sondi la opinion de la aktivuloj en la Federacio pri unueco aŭ memstareco. Tial la estraro tiucele kompilis leteron, kies enhavo estas:
Kiel vi eble scias, ie kaj ie leviĝas voĉoj, favoraj al starigo de unueca organizo. Tio estas organizo, en kiun kunfandiĝas la antaŭmiltaj organizoj esperantaj. El niaj artikoloj en L.E. kaj Interkontaktilo vi certe jam komprenis, ke la federacia estraro ne opinias tian absolutan unuecon dezirinda. De kelkaj flankoj ni ricevis esprimojn, favorajn al unueca organizo, sed, se ni kalkulas laŭ la proverbo „Kiu silentas, tiu konsentas", la grandega plimulto per sia silento aprobas la estraran starpunkton. Tamen la silenta aprobo ne tute kontentigas nin; por nia plua agado necesas, ke ni sciu tute precize, kia estas la vera opinio de nia anaro. Pro tio ni serĉis vojon ekkoni tiun opinion. Ni povus fari tion pere de L.E., sed L.E. estas publika organo kaj se ĝustas nia impreso, ke granda plimulto partoprenas la vidpunkton de la federacia estraro, la diskuto en L.E. ne donas tre unuecan impreson al la ekstera publiko. Plie la spaco en L.E. estas tiom limita, ke ni ne rajtas dediĉi multe da loko al afero, kiu interesus nur tre malgrandan parton de nia membraro. Pro tio ni decidis antaŭe sondi la opinion per ĝenerala letero al la ĉefaj aktivuloj en la movado kaj bazi niajn postajn decidojn sur la rezultaton de tiu ĉi sondado. Por doni la opinion de la subtenantoj de unueca organizo ni ĉi sube mencias parton de artikolo el la grupgazeto de nia sekcio en Zwolle:

„Karakterizas nian tempon, ke en multaj sekcioj oni dubas, ĉu la nederlandaj esperantistoj formu unu komunan organizon aŭ restu agantaj en kvar aŭ pli da apartaj organizoj kiel antaŭe. Sur ĉia tereno oni parolas pri unueco,kial do la esperantistoj ne pripensu la aferon. Ni klopodu skizi la taskon kaj avantaĝon de tia unueca organizo:
pro la diverstendenca membraro ĝi povas sin dediĉi nur al la POR-esperanta laboro (inkluzive eldonadon kaj tradukadon de libroj); tiun laboron ĝi tamen povas efektivigi multe pli efike ol okazis antaŭe pro la fakto, ke unueca organizo kombinos la fortojn de ĉiuj ekzistantaj rondoj; cetere el propaganda vidpunkto estos multe pli agrable, montri al varbotoj unu fortan, anstataŭ plurajn malpli fortajn organizojn."

Estas nekontesteble, ke unueco estas necesa por plenumi ian taskon, kaj ke ĝi liveras plej bonan rezultaton. Tamen restas unu nepre plenumota kondiĉo, nome, ke la unueco estu natura kaj konforma al la cirkonstancoj.
Se Esperanto estus io, kia la poŝtĝiro, kun kio ĝin komparis iu subtenanto de unueco, apartaj organizoj formus veran absurdajon. Tamen Esperanto estas socia afero kaj sekve ligita al kaj sub influo de la diversaj mondkonceptoj. Kaj ĉu Esperanto ne plej profitas el la fakto, ke ĝi estis ligita al certaj ideoj? Ja Zamenhof jam diris, ke li ne volas havi ion komunan kun tia Esperanto, kia devus servi ekskluzive nur al komerco kaj teĥniko. Ĉu ni ne same lernis Esperanton ĝuste pro ĝiaj idealaj flankoj? Por ni ĝi estas antaŭ ĉio rimedo en la batalo por la socialismo. Kaj same ankaŭ aliaj agadas por Esperanto laŭ certa ideo. El tio rezultas nur nu konkludo: la diversaj ideoj formis la motoron de nia agado. Restas do la demando, ĉu ni ankaŭ en unueca organizo posedus ian motoron? Tio nun ŝajnas al ni tre dubinda. Por ke ĉiuj povu kunlabori, necesas, ke tia unuiĝo havu neŭtralan bazon, kaj tiu neŭtraleco nekontesteble eksludas ian idean motoron.
Por transponti tiun ĉi skrupulon oni proponis, ke en la unueca organizo estu frakcioj por la tendencoj, sed tiu kompromiso ne povas nin trankviligi. Ni vidas en ĝi nur fonton de malfacilajoj kaj kvereloj, kiuj daŭre minacus la harmonion kaj paralizus la efektivan laboron. Resume ni konkludas, ke la proponita unueco ne estas natura kaj jam ĉe sia naskiĝo enhavus la ĝermojn de dissplitiĝo.
Tiuj ĉi supraj konsideroj kondukis la federacian estraron al la opinio, ke daŭrigo de nia propra organizo sur la bazo skizita en niaj artikoloj en L.E. kaj Interkontaktilo estas plej profitiga kaj plej celkonforma.
Tamen tio ne signifas, ke ni kontraŭas ĉian kunlaboron. Sur diversaj terenoj: ekzamenoj, Esperanto ĉe la instruado, propagando ĉe publikaj kaj ŝtataj instancoj, kunlaboro kun alitendencaj esperantistoj estas tre utilaj kaj eĉ necesa, sed tian kunlaboron ni starigu sur sanan bazon. Kaj ni kredas, ke ni trovis tian bazon en la propono starigi tutlandan kontaktkomitaton, konsistantan el la diversaj organizoj, kiu okupos sin pri ĉiuj komunaj problemoj kaj laboroj.
En tiu okazo ni tamen posedas unuecon en nia laboro por komunaj celoj, ne ĝenantaj unu la alian en la propraj celadoj kaj konvinkoj. Tiu ideo posedas ankaŭ la avantaĝon, ke ni ne bezonos riski nian aparaton, nian libro-servon, niajn rilatojn k.t.p. en eksperimento, pri kies efiko ekzistas almenaŭ granda dubo.

Responde al tiu letero ne malpli ol 90 % subskribis la opinion de la federacia estraro, nome ke la Federacio restu memstara kaj en ĝeneralaj aranĝoj kunlaboru kun la tri aliaj Esperanto-organizoj.
Koncerne la amendon de sekcio Groningen al prop. 17, *k-do Kruit* atentigis, ke muzeo estas delikata afero, kiun oni ne facile povas translokigi. Ĉu la deziro de Groningen povas efektiviĝi, dependas de praktikaj konsideroj. Tamen la federacia estraro pretas akcepti la amendon.
Same kiel sur nacia tereno estus dezirinde, ke ni sur internacia tereno havu instancon, reprezentantan la tutan Esperanto-movadon, en kiu instanco la diversaj tendencoj povos kunlabori. Tio, ekzemple, estus tre taŭga por la efektivigo de la propono de sekcio Gouda. Ĉi tiu propono estas samsenca propono kia de sekcio Harlemo antaŭ kelkaj jaroj. Oni ne subtaksu la laboron ekz. de tutmonda petskribo por enkonduko de Esperanto. Tiu tasko postulu minimume du jarojn. *K-do Kruit* petas al la kongreso doni al la federacia estraro mandaton por proponoj 14, 16 kaj 17.
*Sekcio Hoorn* defendas sian proponon (15). Ni estu veraj adeptoj de d-ro Zamenhof, kaj unuiĝu kiel eble plej multe.
*Gouda* samopinias kun la fed.-estraro.
*Groningen:* Se la muzeo estus en firma loko, la k-doj en la kampo ne havus okazon ĝui ĝian enhavon kaj lerni per ĝi.
*Hago* opinias, ke ni devas trastreki en prop. 14 la vorton tri (kun la 3 aliaj esperanto-organizoj). Cetere ĝi, opinias, ke tutmonda petskribo ankoraŭ ne eblas.
*Arnhem* rimarkigas, ke oni devas konscii la malfacilajojn por akiri unuecon. Tamen multo ŝanĝiĝis pro la milito. La antaŭmilita neŭtraleco ne plu ekzistas. Ĉiuj ja spertis laŭkorpe kaj laŭmense la faŝismon. Nun verŝajne eblas, kio antaŭ la milito ne eblis, ekz. komuna eldonado de libroj. La sekcio subtenas la proponon de la fed. estraro (14). Ĝi protestas kontraŭ Zwolle kaj Zutfen, kie oni starigis unuecajn klubojn. La unuecon ni serĉu en F.L.E.!
*Amsterdam II:* Denove regas iu angla malsano, ĉi foje la unueciga malsano. Sed ni laboristoj havas la rajton kaj eĉ la devon aparte organizi nin. Kiu pri tio ankoraŭ ne estas konvikita devas legi la broŝuron: „For la neŭtralismon!" Se ni unuiĝus kun la aliaj Esperanto-organizoj ni poste denove devus disiĝi, ĉar unueco kun la aliaj nur tiom longe eblas, kiom ni pretas malrekoni niajn principojn. La parolanto subtenas la proponon de la fed. estraro por fondi kontaktkomitaton.
*K-do B. Wels:* Ni restu laboristaj esperantistoj. Kunlaborante kun aliaj, ni devas severe fiksi sur kiuj terenoj ni iras kune. Aranĝi kursojn en kunlaboro kun aliaj ni ekzemple ne devas fari. Nur se temas pri ĝenerala, tuturba afero ni komune povas labori. Se ni agus alie, la starpunkto de nia Federacio

---

eist de konsekwentie, dat wij het onderwijs daarin ook voor Indonesië bewerkstelligen. Denken de anti-esperanto propagandisten voor de engelse taal daarbij wel aan de nederlandse belangen? Spelen zij hierbij de Engelsen en Amerikanen niet in de kaart? Ons dunkt, op wel zeer in 't oog lopende wijze. Mag dan al onze taal in ons land niet verdrongen worden, wij zijn er niet zo zeker van, dat dit niet in Indonesië zou geschieden. Met gevolgen van ernstiger aard dan enkel maar het verdringen van onze taal.
Nogmaals, wij maken ons er niet al te ongerust over, maar gij, „engelse taalpropagandisten", dient U te bezinnen op de konsekwenties van uw propaganda. Uw bezwaren — alhoewel ongegrond door onbekendheid — tegen Esperanto als internationale taal zijn niet zó important als die welke tegen uw streven zijn in te brengen. Willen wij U eens iets zeggen? *Als* gij een waarlijk voorstander zijt van een internationale taal, als voertaal naast de nationale talen, kiest dan een neutrale taal, die de geschetste gevaren en nog vele andere niet met zich brengt, en legt U niet bij voorbaat neer bij hen, die menen, dat de angel-saksische volken reeds de facto een eerste viool spelen. Hun instrument leidt althans niet het gehele internationale orkest. Daarvoor hebben wij een beter instrument, harmonieuzer, het valt minder op en kan door ieder worden bespeeld.
Door de aanvaarding en het gebruik van Esperanto in het internationale verkeer werkt gij ten minste niet mede aan onbedoelde versterking van engels-amerikaanse invloeden, met haar nasleep van reacties, zo gij deze al niet breidelt daarmee. H. W. A.

# Niaj korespondaĵoj

**El Norvegio.**

Ni gratulas vin (la Federacion), ĉar vi jam tiom bone povis funciigi vian organizon. Redaktoro de Esperantobladet el Oslo, Norvegio.

**El Maroko.**

Ĉar sekve de via sciigo, pri nia „Verda Flamo", ni ricevis multe da demandoj pri abonkotizo, petoj pri alsendo de propagand-materialo, k.t.p. Mi estus al vi tre eĝe danka se vi bonvolus aldoni, ke la abonkotizo por 12 numeroj estas 15 internaciaj respond-kuponoj, jare. Kaj ke ni volonte sendos senpagan ekzempleron al tiu grupo (ĉar oni nin petis fari tion 89 fojojn), kiu sendos oficialan leteron, subskribitan de prezidanto kaj sekretario, kaj indikos, ke la gazeton ili nepre bezonas por la propagando. Ni ja ne povas sendi al centoj de samideanoj la gazeton senpage, ni ja devas pagi por papero, hektografado kaj la poŝto.
Tuj kiam la situacio ŝanĝiĝos, ni esperas presiĝi nian gazeton.

Le sekretario kaj administranto de la „Verda Flamo", adreso: 5, Rue Savorgnan de Brazza, Casablanca, Maroko.

**El Bulgario.**

Kun vera ĝojo ni ricevis vian gazeton. Ni devas de nun havi konstantan kontakton por la bono de nia movado.
Ni petas vin organizi per via ŝatata gazeto amasan kunligon de nederlandaj kun bulgaraj samideanoj.
(Por tiu celo I.K. prezentas ĉi suban alvokon. Red. L.E).
„Internacia Kulturo", grandformata 16-paĝa gazeto, redaktata nur en Esperanto, publikiĝas *senpage* korespondanoncojn de ĉiu korespondema nederlanda aŭ alilanda esperantisto. Precipe estas preferataj anoncoj de esp. grupoj kaj kolektivoj de jenaj profesioj: poŝto, fervojo, tramo, instuado, presmetio, metalistoj, kudristoj, kooperativoj, terkulturado k.t.p.
Nederlandaj samideanoj! Kontaktu kun viaj bulgaraj amikoj! Sendu jam hodiaŭ vian anoncon al:

red. de Internacia Kulturo"
Str. Graf Ignatiev 2,
Sofio, Bulgario.

Kiel ni organizu la reciprokan abonigon al niaj gazetoj? Mi opinias, ke plej natura kaj senembarasa maniero estas al la estontaj korespondantoj interŝanĝe aboniĝi sin. Ekz. cent aŭ pli da bulgaraj esperantistoj pagos la abonon de „Int. Kulturo", petante nian administracion sendadi la gazeton al nederlandaj adresoj. La samon faros la nederlandanoj koncerne „Laborista Esperantisto".
Eble iom poste, pro reguliĝo de la valutaj malfacilaĵoj, ni povos fari ankaŭ alian aranĝon.
(Volonte ni klopodas plenumi tiun proponon kaj pretas reciproki al I.K., en kiu ni atendas samspecan alvokon por korespondado. Oni turnu sin la la sekretario de F.L.E., Vier Heemskinderenstraat 53², Amsterdam W. Nederlando. — Dankon! — Red. L.E.).

**El Ĉeĥoslovakio.**

Hodiaŭ nia Asocio ankoraŭ leĝe ne estas starigita, ĉar oni atentas pri la situacio de la Esp. movado en Sovetio. Sed la kluboj en Praha kaj aliloke jam kunvenas kaj komencis eĉ kursojn. Nia nova laborista tutrespublika organizaĵo enkondukis en siaj „laborlernejoj" Esperanton kaj en la proksimaj tagoj ĝi malfermos la unuan Csĥ-kurson, kiun gvidos pola samideano Jean Forge, kiu nun vivas en Praha, reveninte el germana arestejo.
Mi sendas elkorajn salutojn al ĉiuj nederlandaj samcelanoj.

Fraŭlino J. Ŝupichova, el Praha.

**El Anglio.**

**Respondo al multaj.**

K-do Joel Sulsky, I Church Green, Harpenden, Herts, Anglio, informas per ĉi tiuj linioj, ke ne eblas al li respondi al ĉiuj ĝek-doj petantaj al li peron por korespondado. Oni tamen ne maltrankviliĝu, ĉar li klopodas ĉiel kontentigi ilin. Siatempe oni do povos atendi leteron de iu angla k-do(ino).

**El Nederlando.**

Sed varbi la infanojn, jen tasko, kiun solvi mi jene klopodas: per paroladoj en la lernejoj mem.
La Esperanta historio estas per si mem interesa al eksterstarantoj. Ĝiaj deveno, celo, utilo estas propagandefikaj. Ĉie mi renkontis favoran sintenon flanke de la instruistoj. Mi vizitas ilin, petas permeson kaj rakontas laŭpove en maniero agrabla, kompreniga pri nia afero, kaj vere trafas la korojn de la infanoj. Mi montras librojn, gazetojn, korespondaĵojn, kongresajn fotojn, ĉar infanoj volonte vidas konkretaĵon.
Ne nur dum la Verda Monato mi propagandas, sed ĉiam, kiam eblas kaj ĉie; ĉar la junularo portas la estonton. Tio ankaŭ valoras por nia movado.

Gerrit Kalkman

(Ekzemplo imitinda. Red. L.E.)

**El Francio.**

Mi tralegis kun plezuro vian gazeton, kiun transdonis al mi k-do, hieraŭ. Mi vin gratulas pro via bonega laboro kaj via aktiveco.
Paris, 15 okt. JAYER PETRO.

## Konstruŝtonoj
## Charlie Chaplin



*Kompare kun la disvastiĝo de Esperanto inter la publiko antaŭ proksimume kvindek jaroj, la lingvo nun jam vaste diskonatiĝis. En ĉiuj partoj de la mondo nun ja troviĝas homoj, lernintaj Esperanton kaj uzantaj ĝin por siaj idealoj aŭ . . aferoj. La nombro da tute nesciantoj pri Esperanto, kiuj iom stulte faras al si demandojn kiel: „Ĉu ĝi estas io manĝebla?" pli kaj pli malgrandiĝas.*
*Ankaŭ la kapitalistaj filmproduktistoj konas la progresojn de nia lingvo. Kiam ili foje elfabrikis specialan filmon, ili anoncis, ke Esperanto estos aplikata en ĝi. „La diktoro" estas la titolo de tiu filmo kaj ĝi ridindigas la despotan regadsistemon. Tiu ideo por uzi neŭtralan lingvon estis prudenta. Se oni aplikus la germanan lingvon, la germanoj sentus sin ofenditaj, se oni uzus la italan, la italoj, sed se oni uzus Esperanton... per tio la malidealistaj filmistoj agnoskis fakte, ke Esperanto apartenas al neniu aŭ al ĉiu, kaj ke per apliko de Esperanto ili evitus malagrablaĵojn.*
*Sciiĝante pri la intenco de la filmproduktistoj, la tuta Esperantistaro akrigis la orelojn. Tio fariĝus bonega propagando por nia lingvo: en ĉiuj kinejoj, en ĉiuj nacioj, en ĉiuj lokoj la publiko aŭskultos Esperanton kaj estos entuziasmigata. . . .*
*Sed venis la seniluziiĝo. Fine la filmo estis montrata en Amsterdamo por elektita publiko. Ĝi rikoltis meritatan aplaŭdon, sed por la lingvo Esperanto ĝi signifas neniom. Anstataŭ la promesita lingvo oni parolas en la filmo naciajn lingvojn. Nur kelkaj surskriboj atestas, ke la fabrikistoj ne tute malatentis Esperanton, ekzemple „vendejo", „vestoj malnovaj". Sed ĉu la rigardantoj atentis tiujn nur kelkajn surskribojn?*
*Gekamaradoj, ni estu realistoj.*
*Por nia lingvo „La diktatoro" estas senvalora.*
*Ni ne atendu la venkon de Esperanto per helpo de Charlie Chaplin aŭ aliaj famuloj, ni konvinku niajn samklasanojn pri la valoro de tutmunda lingvo, ĉar pro la faroj de la laborantoj Esperanto venkos!* *H. Sch.*

---

nebuliĝus. Per kunfandiĝo de ĉiuj Esperanto-unuiĝoj la Esperanto-movado entute malgajnus. Estas vere, ke ne-esperantistoj malfacile povas kompreni tion, sed ni klarigu al ili, ke la diversaj unuiĝoj ne staru unu kontraŭ la alia, sed flanke kaj subtene. Ĉiu laboras sur sia propra tereno.
*Heilo* diras, ke ili jam kunlaboras kun aliuloj. Tio iras sufiĉe glate.
*K-do Leereveld* timas burĝiĝon de nia organizo, se ĝi tro forte ligus sin al la aliaj Esperanto-unuiĝoj. Li opinias, ke se ni tamen deziras kunlaboron, ni devas esti konsekvencaj, do kunlabori ne kun tri, sed kun ĉiuj Esperanto-organizoj.
*Zaandam:* Ni agu en la senco de Zamenhof.
*K-do Kruit:* Jam en diversaj aranĝoj ni sukcese kunlaboris kun la aliaj Esperanto-organizoj. La kongreso ekzemple sendube memoras la grandiozan kunvenon en Hago por enkonduki Esperanton ĉe la instruado. En tiu direkto ni intencas daŭrigi niajn laborojn.
Ni deziras kunlabori kun seriozaj unuiĝoj, ne kun skismigemuloj kiel N.E.G., kiu parte naskiĝis el malamo al F.L.E.
Organizi tutmondan petskribon estas granda tasko, kiu estas efektivigebla nur en kunlaboro kun ĉiuj sinceraj organizoj.
La komuna eldono de libroj ne estas tiel facila. Certaj verkoj ne estas akcepteblaj por ciuj. La Federacio eldonis „La Perfido"-n, verkitan de A. M. de Jong, kies libroj estas ĉiuj malpermesitaj por katolikoj.
Konklude ni povas konstati, ke ni pretas komune labori sur ĝeneralaj terenoj.
Voĉdonado pri propono 14.
Kontraŭ: Sekcio Hoorn, la ĝenerala membro Leereveld.
La propono do estas akceptita.
Propono 16 estas akceptita, same kiel propono 17, kies ellaboron oni konfidas al la fed.-estraro.

ESPERANTO ĈE LA INSTRUADO.

Propono 22.

*Sekcio Rotterdam V* opinias, ke la kontakt-komitato devas okupi sin pri la propagando esprimita en ilia propono. Ni faru ankaŭ fortan propagandon por enkonduki Esperanton en la lernejojn.

*Sekcio Haarlem* opinias, ke propagando por Esperanto ĉe la instruado estas bona, sed ni ankaŭ konvinku la ĝeinstruistojn, alie ni verŝajne havos lernemulojn, sed ne instrukapablulojn. Tial ni rekomendas eldoni specialan propagando-broŝuron por la instruistaro.

*K-do Ten Hagen* konsilas serĉi kontakton ankaŭ kun la t.n. ĝepatroj komisionoj. Antaŭ la malpermeso al la Federacio oni faris tion en Amsterdam kun multe da sukceso.
*Sekcio Amsterdam II* subtenas la dezirespri-mon (22) de Rotterdam V. Ni tamen bone komprenu, ke por akiri permeson ornami tramveturilon ni bezonus multege da mono. La tramdirekcioj ja ne estas idealistoj!
*Sekcio Hago* rekomendas elpendiĝi propagandilojn por altiri la atenton, kaj eldoni lokajn informilojn pri Esperanto.
*K-do Kruit:* ni ĉie kaj ciel propagandas por Esperanto. T.A.G.E. jam denove klopodas eklabori. Eble estas bela tasko por ĝi eldoni specialan broŝuron por instruistoj.
K-do De Vries instigas la kongresanojn propagandi per nia aktuala broŝuro: Esperanto juist nu! Li donas komunikojn pri la klopodoj de la fed. estraro en la gazetaro kaj ĉe la radio.
*K-do Veen:* Propagandu plej efike!!
La deziresprimo (22) estas akceptita.
Neniu kontraŭ.
(Okazas paŭzo.)

REZOLUCIO.

Proponoj 8, 9 kaj 10.

*K-do Kruit* en la nomo de la fed. estr. enkondukas la diskutojn pri la proponita rezolucio,

klarigante la starpunkton de la estraro. Li i. a. diras, ke, ĉar la internacioj jam ne plu ekzistas, al kiuj la Apeldorna Rezolucio sin direktas, tiu rezolucio ne tiom valoras, ni prezentas al la kongreso novan rezolucion, per kiu ni esperas ke ankaŭ la aliaj, kiuj antaŭe forlasis nin, retrovos sian lokon en la Federacion.
Ni devas preterlasi tion, kio povas fortimigi ilin. Ni faris la novan rezolucion, por ke forfalu la incitajn punktojn, ĉar alie ni ekŝiros malnovajn cikatrojn, kaj due, ni baros la vojon al dissplitigaj diskutoj.
Cetere la federacia estraro tute ne celas likvidon de la konvencio kun S.A.T. Li proponas al la amendintaj sekcioj repreni siajn amendojn, ĉar la diferenco inter ili ne estas granda. La de la fed. estr. proponita rezolucio estas pli celtrafa.
*Rotterdam I* kaj *Groningen* reprenas.
*Rotterdam II* ne reprenas.
La fed. estraro transprenas la amendon de Emmer Compascuum.
*Rotterdam I* konsideras la tekston de la rezolucio tre nebula, kaj opinias, ke ni ne samtempe povas paroli pri mondorganizo kaj internacio. La por-laboro ni ankaŭ povas efektivigi en la L.E.A. komitato. La fed. estraro ofte konfesis, ka post la kunlaboro kun S.A.T. la Federacio kreskis. Se vi ne volas perdi amikajn rilatojn eksterlandajn vi konservu la kontakton kun S.A.T. kaj akceptu la rezolucion de Rtd II, ĉar ĝi estas pli klara.
*Rotterdam II.* Substrekas la vortojn de Rtd I.
*Emmer Compascuum* ĝojas, ke la fed. estraro transprenas ĝian amendon. Plue deziras esti libera organizi sin en tiu organizo, kiun ĝi deziras.
*Gouda.* Defendas nuligon de la Apeldorna Rezolucio, ĉar ĝi estas superflua.
*Haarlem.* Opinias, ke ni samtempe devas priparoli la rezolucion kaj proponon lian. Li skizas la strukturon de internacio kaj opinias plej taŭga, ke la Fed. estu ligita internacie kaj la membroj estu liberaj aniĝi al mondorganizo.
*Hago.* La kongreso estu singarda. La rezolucio havas la danĝeron enkonduki internacion. Cetere substrekas la vortojn de Rtd I kaj Rtd II.
*Leeuwarden.* Opinias le rezolucion neklara; ĉar ĝi parolas pri internacioj, kiuj ankoraŭ ne ekzistas.
*Arnhem.* Opinias ne konsilinde, ke la nuna kongreso findecidu, pro ekzistantaj nebulajoj sur nacia kaj internacia terenoj. La paska kongreso findecidu.
*Utrecht.* Konsideras la novan rezolucion egala al la Apeldorna Rezolucio. Skismuloj ne plu ekzistas, do rezolucioj tiurilate estas superfluaj. Ni akceptu proponon 9an.
*Rotterdam V.* Ni devas tuŝi la vundajn punktojn, pri kiuj do Kruit parolis. Rekomendas akcepton de amendo de Rtd. II, ĉar ĝi estas pli klara. En la rezolucio de la fed. estraro oni parolas pri internacio, kiu certe klopodos detrui S.A.T.-on. S.A.T. estas malfermaj al ĉiuj tendencoj
*Amsterdam V.* Opinias, ke, se la Apeldorna Rezolucio estas superflua, la nova rezolucio certe estas superflua kaj danĝera al la Federacio. Opinias, ke la celo estas serĉi kontakton kun internacio por kontentigi aliajn kamaradojn, kiuj malŝatas S.A.T. Substrekas la vortojn de Rtd I kaj Rdt II.
*K-do Leereveld.* Kontraŭ rezolucio de la fed. estraro. Opinias: se kongreso akceptas rezolucion, la konvencio kun S.A.T. estas nuligita.
*K-do v. Essen.* Ni ne trovas la garantion, ke la rezolucio de la fed. estraro malebligas malfacilajojn. Li forte rekomendas akcepton de la amendo de Rdt II kaj la artikolon de k-do Alings en L.E.
*K-do Kruit.* Nome de fed estaro proponas akcepti la proponon de Arnhem rilate la prokraston ĝis la paska kongreso.
Kelkaj protestas.
*K-do Kruit.* La fed. estraro tute ne intencas nuligi la konvencion kun S.A.T. Ni ne rekomendas internacion kaj pruve al tio ni malrekomendas proponon tian. La celo estas nur eviti malfacilajojn kaj kverelojn. Ni deziras transpreni la amendon de Emmer Compascuum sen la dua vorto „internacia".
En tiu senco la rezolucio estas akceptita. Porvoĉoj 1136, kontraŭvoĉoj 765, neŭtralaj voĉoj 11.
Proponojn 11, 12 kaj 13 *k-do Veen* enkondukas. Li skizas la gravecon de S.A.T. kaj favorojn kaj malfavorojn de internacia organizo. L.E.A. komitato tuj perdis kontakton post la milito. Nun ni ne scias multe pri internaciaj rilatoj. Fed. estraro proponas kombini ambaŭ formojn, kaj S.A.T. kaj L.E.A. komitaton kaj malrekomendas proponon 11an.
*Amsterdam III* reprenas sian propon, kiam la voĉdonado pri propono 8a (la rezolucio) estos konata kaj opinias tute superflue nun priparoli sian proponon.
*Gouda* reprenas sian proponon.
*Emmer Compascuum* defendas starigon de internacio de L.E.A. oj, por servi al la internacia por-laboro.
*K-do Veen* klarigas, ke tio, kion Emmer Compascuum celas, jam estas aplikata en la L.E.A. komitato.
Post tiu klarigo Emmer Compascuum reprenas sian proponon.

## LERNOLIBRO.

*K-do Faulhaber* atentigas pri kunlaboro kun aliaj organizoj, sed rekomendas, ke la kunlaboro ne estu tro intima. Li citis kelkajn montritajn frazojn, kaj demandas ĉu tiuj frazoj povas fortimigi lernontojn. Ni ne cedu al tiuj postuloj, ĉar ni estas laboristoj kaj ne hontu pri tio.
*Heiloo.* Klarigas, ke ili ne hontas esti laboristoj. En Heiloo la situacio estas tute alia ol en la urboj. Ili spertas, ke nia lernolibro estas tre taŭga, sed la frazoj fortimigas la lernanojn. Ĝi petas en nova presigo forigi kelkajn frazojn.
*v. d. Starre* opinias, ke neniu verkanto povas verki libron, kiu neniun ĝenas. Ni ne riverencu antaŭ neŭtralemuloj.
*Heerlen* defendas „Nian Lernolibron". Rakontas pri spertoj speciale kun la katolikoj. La rezulto ĉiam estis fruktedona.
*Amersfoort.* Opinias, ke, se ni uzas neŭtralan libron, la lernantoj post sia aliĝo, sentos sin trompitaj.
*Haarlem* estas por forstreko de la frazoj.
*Vlaardingen* rakontas pri kunlaboro de la Federacio kaj kristanaj esperantistoj. Parolanto gvidas la kurson, uzas La Komencanton, kaj la kristanoj konsideras la libron tre taŭga.
*Den Haag* neniam spertis malfacilajon pro la uzado de niaj lernolibroj. Substrekas la vortojn de k-do Faulhaber.
*Rotterdam V.* Se oni en malgranda vilaĝo havas malfacilajojn oni stencilu lecionojn.
*K-do Leereveld* deziras malpli neŭtralan lernolibron.
Nome de la fed. estraro k-do Faulhaber respondas, ke ni devas persisti niajn proprajn principojn.
La propono estas malakceptita. Por estas sekcioj Heiloo, Nijmegen kaj Utrecht.

## FEDERACIA BUDĜETO.

*K-do Veen.* Kiu deziras la parolon pri la federacia budĝeto? Ĉu neniu? Tiel ĝi estas aprobita.

## ELEKTO ESTRARO.

*K-do Veen* deklaras, ke la malnova estraro pretas akcepti reelekton. Ĉi tiu estraro estas kompletigita per k-do Schoonenberg, kiu anstataŭis dum la rekonstrua tempo k-dinon Faulhaber, kaj per k-do Velthoven, kiu anstataŭis k-don Lafeber. Li kore dankas k-dinon Faulhaber pro ŝiaj laboroj en la Federacio kaj li esprimas la deziron, ke ŝia sanstato baldaŭ pliboniĝos. Li ankaŭ dankas k-don Lafebre por lia aktiveco en nia movado, dezirante ke ĉi tiu k-do post kiam li havas pli da libero tempo, denove akceptu funkcion en nia movado. Post tio *k-do Veen* informas la kongreson, ke Amsterdam V kandidatigis k-don Koeman, anon de sekcio Amsterdam X por anstataŭi k-don De Vries.
*Amsterdam V.* Por eviti malagrablajojn en ĉi tiu kongreso ni sendis leteron al la fed. estraro pri k-do De Vries. Ni sciiĝis, ke k-do De Vries estis ano de Nederlanda Laborfronto, por kiu organizo li forte propagandis. Post certa tempo li retiriĝis el NAF, sed kiel li estus aginta se Germanio estus gajninta la militon? En pura Federacio ni havu purajn estraranojn!
*K-do Wels* rimarkigas, ke kvankam ne estas tute laŭregulare, li deziras ke k-do Alings akceptu kandidatigon por la estraro. Jen estas kapabla k-do, kiun ankaŭ ni, aliurbanoj, konas.
*K-do Veen* respondas: La esplorkomitato jam publikigis sian raporton pri k-do De Vries. El tiu raporto montriĝas, ke ĉi tiu k-do estas politike fidinda. Sed la kongreso komprenble rajtas elekti tiun, kiun ĝi deziras.
En la nunaj eksterordinaraj cirkonstancoj ni ne havas skrupulojn kontraŭ novaj kandidatigoj.
*K-do Alings.* Estas honoro por mi, ke mi ree estas kandidatigita. Sed la tasko de federaciestrarano postulas la tutan homon. Momente mi estas tre okupata pri aliaj aferoj. Tial la kongreso nun ne elektu min.
*K-do Varkevisser.* Ni aŭskultis rektan atakon kontraŭ aktiva k-do. Li sin mem defendu!
*K-do Veen:* Estas konsilinde aŭskulti la raporton de la esplorkomitato.
*K-do Kruit* voĉlegas la raporton.
*K-do Alings* aldonas, ke la komitato esploris la aferon. Montriĝis al ni, ke De Vries persone estas politike plene fidinda. Li aniĝis al N.A.F. pro la malfavoraj cirkonstancoj en sia laborejo. Tion ni bedaŭras. Pri reelekto devas decidi la kongreso.
*K-do Veen* proponas transiri al la estrarelekto. La estraro estas reelektita. Aparta voĉdonado devas okazi pri k-doj De Vries kaj Koeman.
*K-do De Vries:* Ne estas facila tasko mia sindefendo. Tamen mi faros. Al la raporto de la esplorkomitato mi neniom bezonas aldoni. La tuta afero estiĝis pro mia kulpo. Jam en la dua estrarkunveno post la liberiĝo mi proponis purigadon en la Federacio kaj mi konsciis la konsekvencojn de tiu propono. Mi mem ja estis ano de N.A.F., de la sindikato sub naci-socialisma influo! En mia laborejo la ekspedistoj ne rajtis sin organizi en sindikatoj antaŭ la milito. Kiam la germanoj estis okupantaj Nederlandon, la mastro lasis nin liberaj por aniĝi al sindikatoj. Malgraŭ la malpermeso de antaŭ la milito mi jam estis ano kaj mia eraro estis, ke mi restis en la sindikato kiam ĝi fariĝis t.n. Laborfronto. Mi agis tiel en la espero, ke la milito baldaŭ finiĝos kaj tiam la mastro ne plu povos malpermesi al ni la aniĝon al sindikato. Neniam mi sentis iun emon por la naci-socialismo. Kontraŭe! Pri tio povas atesti miaj samsekcianoj, kiuj scias, ke mi laboris en la nelegа movado. Mi submetas min al la demokratio. La kongreso decidu ĉu mi povas daŭrigi mian laboron en la federaci-estraro, aŭ ne.
*Rotterdam V* opinias ke la kongreso unue devas decidi ĉu ĝi emas akcepti k-don De Vries kiel estraranon. Nun oni kandidatigas alian kamaradon, pri kiu ni neniom scias.
*Amsterdam III.* Kiel samsekcianoj de k-do De Vries ni povas atesti, ke li dum la milito fidele kunlaboris kun ni por la restariĝo de nia movado. Ni neniam rimarkis, ke li staras je erara flanko. Ni ja povis konstati, ke li laboras en la nelegа movado.
*Leeuwarden.* Se la aliaj federaci-estraranoj pretas kunlabori kun De Vries, ĉu tio ne sufiĉe atestos, ke li estas fidinda?
*Amsterdam X* rekomendas k-don Koeman. Jam pli ol dek jaroj li aktive partoprenis en la federacia agado. Li estas fidinda kamarado kaj fervora SAT-ano.
*La prezidanto.* Ni transiru al la elekto inter De Vries kaj Koeman.
Rezulto: De Vries 1258, Koeman 556.
La nuna konsistigo de la fed. estraro do estas: Prezidanto kaj redaktoro, k-do Veen; sekretario kaj vicprezidanto, k-do Kruit; 2a sekretario, k-do v. Haren; kasisto, k-do Pouli, 2a kasisto k-do Kroonder; krome k-doj Schoonenberg, Prins, de Vries kaj Veldhoven.
K-do Faulhaber estas honorprezidanto.
*Konflikt-komisiono.* Elektitaj estas: k-doj Alings, H. ten Hagen kaj Preker.
*Kaskontrola komisiono.* Elektitaj estas: k-doj De Bruin, Kamstra kaj Spaarenberg.

# STUDOSERVO

Dum la lastaj semajnoj anoncis sin neatenditle multaj partoprenontoj por nia Studoservo, precipe por grupo C (B-studado), kio subite embarasis nin, ĉar kelkaj gvidantoj jam estas tro okupitaj, kaj ni nepre bezonas novajn. Tuj kiam ni disponos pri pli multaj gvidantoj, mi informos la lastatempe aliĝintajn partopernontojn al kiuj ili povas sendi siajn taskojn.

Oni bone notu la nunan aranĝon:

*Grupo A:* gvidanto k-do J. Lem Jr., Valentijnkade 2[3], Amsterdam-O.

*Grupo B:* gvidanto k-do H. Velthove, Vegastraat 38, Amsterdam-N.

*Grupo C:* gvidantoj k-do J. van Scheepen, Kamperfoelistr. 235, Den Haag; k-do H. Kuyt, Ruyschstr. 131[2], Amsterdam-O.; k-do W. Slotegraaf, 's-Gravezandelaan 135, Den Haag (en no 6 de L.E. erare menciita: Monstersche straat); k-dino L. Bosma—Croese, Stationsweg K 102, Heiloo; kaj k-do H. van Lier, Nieuwpoortstr. 105[2], Amsterdam-W.

Respondon al pluraj leteroj pri lingvaj problemoj mi devis prokrasti ĝis mia transloĝiĝo al Amsterdam, kiu dume okazis. Tuj kiam eble, mi respondos laŭvice al ĉiuj. Mi petas pardoni la nevolitan prokraston kaj pacienci ankoraŭ iomete!

Solebaystr. 18[3], Amsterdam-W.
G. J. DEGENKAMP.

---

### Ne tiel, sed alimaniere!

Ni ricevis „novan" gazeton kun la nomo „Interkontaktilo". Ĝi estas stencilita sur faldita kvartoformata folio kun enhavo neinteresa kaj malaktuala.

La tu(et)o aspektas tre dilitanta kaj sensignifa.

Ni nur povas bedaŭri ĝian aperon, ĉar sendube la eldonanto (privata persono) havas multajn esperon kaj atendojn, kiuj sendube ne realiĝos, ne povos realiĝi kaj impresas al la publiko tre infanaj. Tiel li malfavoras al le ĝenerala esperantomovado.

Tralegante ĝin mi havas jenajn konsilojn: Unue, oni bone finstudu la lingvon, kaj krome konsciu, ke ne ĉiu kapablas fariĝi jurnalisto. Kaj due, kiam oni estas sukcesinta en tio, oni apliku sian kapablon organize *en* kaj *por* la movado.

Tiel oni plej efike propagandas, kiel vera idealisto kaj adepto de nia lingvo.

---

*(Daŭrigo de paĝo 38).*

ELEKTO KONGRESLOKO.

*Heiloo* invitas la kongreson je Pasko. Ili aranĝos la aferojn en kunlaboro kun Alkmaar en kiu lastnomita loko ĝi okazos.

Kun aplaŭdo la kongreso akceptas la inviton de Heiloo kaj Alkmaar.

*K-do De Vries* faras kelkajn komunikojn rilate la propagandon.

*K-do Veen* fermas la kongreson per instigaj vortoj. Post tio la kongreso kantas La Esperon.

*

### Korektoj al la kongresraporto.

La donaco de la florvazo fare de k-dino Burgler k.a. ne okazis en la nomo de sekcio Heerlen, sed de la distrikto Limburg.

Erare kelkfoje la nomo de nia ĝenerale ano Leereveld estis skribita Leerentveld.

### Postveninta kongressaluto

Al la partoprenantoj de la 26a kongreso de F.L.E.

Karaj gek-doj.

Okaze de via kongreso Dana Laborista Asocio sendas la plej bonajn salutojn. Ni ege admiras la rapidan kaj grandan restarigon de via organizo, kaj esperas ke tio enfluas favore al vasta evoluo de la laborista esperanto movado ĉie en la mondo.

Ni esperas grandan sukceson por via kongreso.

Dansk Arbejder Esperanto Forbund D.L.E.A.
HOL[illegible]ER HANSEN, prezidanto

# Ĉirkaŭ la ruinigita St. Laurens en Rotterdam

**(Naturimpresoj)**

Iam promenante en la longa, mallarĝa Hoogstraat, kun ĝiaj multaj butikoj, varejoj kaj kinejoj, mi miris vidante flavan papilion, flugdancantan en lumfasko, kiun la suno povis ĵeti apenaŭ sur la pavimon Tiu papilio estis strangaĵo tie; ja antaŭ la milito la centro de nia urbo ne estis riĉa pri tiaj estaĵoj. Escepto estis la paseroj, ĉar tiujn birdetojn oni povas renkonti ĉie.

Tamen post la bombardado kaj brulego en 1940a la situacio tute ŝanĝiĝis. Ĉirkaŭ la ruino de la Granda Preĝejo kaj kelkaj konstruaĵoj, i.a. la preskaŭ ne difektita Komunuma Biblioteko, etendas sin vasta ebenaĵo, ĉar post la forigo de la ruinoj restis tie kaj tie nur fundamentoj kaj keloj.

Naturo jam baldaŭ kovris la ŝtonrestojn per verda tapiŝo, sur kiu plektiĝas diversaj florkoloroj. Tre ordinarajn florojn, i.a. flavajn leontodojn, ruĝajn papavojn mi trovis tie, sed ankaŭ maloftajn.

Sur unu loko kreskis eĉ areto da lino (vlas). La subtilaj tigoj portis jen la delikatajn, blankajn aŭ bluajn floretojn, jen la globetojn, en kiuj troviĝas la tre malgrandaj semoj.

Kelkajn jarojn post la katastrofo oni kulturis en la egaligita tero sekalon kaj fazeolojn, kaj precipe la sekalo sufiĉe bone prosperis en la ŝtona, sabla grundo.

Dum la tagmeza laborpaŭzo mi multfoje vagadis inter la sekalkampoj, sed prefere mi iris en la sovaĝan parton, kie mi povis observi ĉiajn plantojn, insektojn, birdojn kaj aliajn aperaĵojn.

La keloj subakviĝis, kaj tiel baldaŭ ŝanĝiĝis en belajn lagetojn. Precipe ĉe kelo de iama granda magazeno, proksime la loko, kie antaŭ la detruado mi mire rigardis papilion en multhoma strato, mi trapasis multe da tempo.

Antaŭ kelkaj monatoj ĉi-tiu peceto da naturbeleco malaperis, ĉar oni senakvigis kaj plenŝutis ĝin por pretigi novan straton.

Laŭ la bordo kaj en la akvo kreskis diversaj specoj da marĉo- kaj akvo-plantoj, inter kiuj ĉi-jaron eĉ anasino elkovis ok idojn! Preskaŭ ĉiutage mi vidis la anas-familion, naĝantan ĉirkaŭe por serĉi nutraĵon.

En la nomita lageto vivis eksterordinare belaj gasterosteoj (stekelbaarsjes). Pro la klara akvo mi facile povis malkovri iliajn artajn nestetojn. La ekzotike koloraj vir-gasterosteoj pelis la argentskvamajn inojn tra la plektaĵon por ke ili fraju. Kelkan tempon poste aperis aretoj da tre malgranda idoj, zorge gardataj de la patroj, kiuj ne toleris eĉ la inojn proksimi ĉe ili.

Dum la tagmezaj horoj, trapasitaj ĉe tiuj interesaj dornfiŝetoj, mi samtempe havis bonan okazon atenti la tieajn floraron kaj birdaron. Zumantaj abeloj kaj burdoj (hommels), diverskoloraj kaj blankaj papilioj, ĉiaj muŝoj kaj aliaj insektoj ĉerpis la nektaron el la floroj , kiujn ili reciproke servis per transportado de poleno.

Iufoje mi vidis fringojn dekope flugfali; inter aro de atriplo (melde), por formanĝi la semetojn, kiujn tiuj kreskaĵoj abunde produktas.

Preskaŭ ĉiutage prezentis sin unu aŭ pli tufalaŭdoj (kuifleeuwerik), kiuj scivole rigardis la naturamikon, sidantan apud la lageto. Kaj li de sia flanko atente observis tiujn logantojn de sablaj regionoj, kiuj estas tre ordinaraj en la orientaj provincoj de nia lando, sed ĉi tie sufiĉe malofte montras sin.

Blankaj kaj flavaj motaciloj (Kwikstaart) serĉis manĝaĵon sur la marĉa bordo kaj kelkfoje mi vidis aŭ aŭdis flavan emberizon (geelgors).

Super mi „srit-srit" krietante, la cipseloj (gierzwaluwen) per siaj longaj, pintaj flugiloj rapidege tranĉis la aeron. Ankaŭ blanknigraj hirundoj, kiuj estas pli malgrandaj ol la nigraj cipseloj, vidiĝis sian rapidan flugludon. Ĉi tiuj ambaŭ birdspecoj havas la saman econ: flugadante ili kaptas kaj formanĝas multegajn insektojn. Koncerne la cipselojn ili elektis la preĝejan turon kiel lokon, kie ili neĝenate povas nesti, kaj farti siajn idojn. Antaŭ la milito la turo estis kovejo de multaj kolomboj, sed dum la pasintaj jaroj tiaj birdoj pli kaj pli malprosperis, tiel ke nuntempe areto da kolomboj estas vere maloftaĵo.

De tempo al tempo ankaŭ ŝvebfluganta falko aperas super la urba centro, serĉante eblan kaptindaĵon, kaj ĉiam denove mi atente observis tiun rabobirdon — pro ĝia speciala, eleganta flugbildo.

Escepte kelkaj nudpiedaj knaboj, kiuj ludante vagis inter la rubaĵo, ne multe da homoj preterpasis la lageton; plej ofte mi estis la sola observanto.

Tamen foje iu serĉis sian vojon laŭ tiu loko, kaj alparolis min jene: „Sinjoro, ĉu vi komprenas la estiĝon de tiom multaj, tute diferencaj kreskaĵoj ĉi-tie, kaj de tiuj fiŝetoj kaj aliaj vivaĵoj en la akvo? Ja estas meze en urbo. De kie kaj kiel ili venis ĉi-tien?"

„Naturo", mi repondis, „disponis pri multaj rimedoj por transloki siajn kreaĵojn. Grava helpanto estas la vento. La malpezajn semojn ĝi facile povas transporti el unu al alia loko. Kaj ne forgesu la birdojn. Unue ili dissemas ĉiajn plantojn per siaj ekskrementoj, kaj plue ili kunportas semojn per siaj piedoj kaj bekoj.

Ekzemple tiu anaso eble tiel alportis ĉi-tien frajon, ovetojn kaj semojn. Povas esti, ĉu ne?

Ankaŭ la homo vole ne vole dissemas multajn kreskaĵojn per siaj plandoj. Rigardu tiun planteton. Ĝia nomo estas „plantago" (weegbree); tre ordinara fiherbo, kiu kreskas precipe laŭ la vojo. Kiam tiu kreskaĵo aperis ankaŭ en Ameriko, la indiĝenoj nomis ĝin: „la piedsigno de la blankuloj", ĉar ĉie, kie la blankaj homoj venis, baldaŭ plantago sekvis! Mi jam diris: naturo disponas pri multaj eblecoj por certigi la pluenplantadon kaj disvastigadon de siaj estaĵoj. Kompreneble mi donis nur simplan klarigon, sed mi esperas, ke vi komprenu kiel Naturo tiel baldaŭ povis okupi la detruitan, malnovan Roterdamon."

„Estas mirige en Naturo", rediris la sinjoro, „plejofte oni rigardas kaj ne vidas, oni aŭdas kaj ne aŭskultas", kaj li daŭrigis sian promenadon.

Nun estas aŭtuno, preskaŭ vintro. Ventegoj jam bruadis ĉirkaŭ la turskeleto, pluvadoj penetris en la internon de la preĝeja ruino. Precipe dum nebulaj tagoj la iam fiera katedralo montriĝas melankolia ombro. Cipseloj kaj aliaj birdoj malaperis el la urba bildo ĝis sekvonta printempo, kaj nun eble flugadas ĉirkaŭ la egiptaj piramidoj.

Oni rekomencis pretigi la ruban teron por la rekonstruado, kaj foŝas, forrompas fundamentojn k.t.p.

Tiel la aspekto ĉiam varias, sed antaŭ ol la centro de la urbo estos rekonstruita, certe kelkaj jaroj pasos. Do ankaŭ sekvontan jaron mi esperas ĝui la urban „fiherbaron". Tamen anasojn kaj fiŝetojn mi tiam eble vane serĉos!

Naturamiko.

---

### Schriftelijke cursus voor beginners

Wij willen de gelegenheid openen voor hen, die niet in de gelegenheid zijn aan een mondelinge cursus deel te nemen, in te schrijven voor een schriftelijke cursus, die onder leiding staat van k-do van Lier, te Amsterdam.

Deze cursus bevat 30 lessen, en zal ongeveer evenveel weken duren.

Als leerboek wordt gebruikt „La Komencanto", verstrekt wordt het zakwoordenboekje, uitgegeven door nia F.L.E., van k-do Alings.

Tot de taak van den cursist behoort het vertalen Ned.—Esp. en Esp. Ned. Elke week wordt een les opgezonden. Binnen een week ontvangt men de gemaakte taken gecorriseerd terug met opmerkingen en verklaringen.

Het cursusgeld bedraagt f 0.30 per les. Te voldoen per 5 lessen vooruit.

Men geve zich op aan F.L.E., Vier Heemskinderenstraat 53[2], Amsterdam-W.

# Projekto de nova lernolibro

Estas konata kaj multe priparolata fakto, ke la rezultoj de niaj kursoj ĝenerale ne estis kontentigaj. Ĉiujare kelkaj miloj da kursanoj komencis lerni nian lingvon kaj ĉiufoje grava parto de ili (ĉu 50 procentoj?) ne atingis la finon de la kurso, sed jam antaŭe ĉesigis la studadon. Tre bedaŭrinda fakto! Ĉar ĉi tiuj „forkurintoj" ne nur estas perditaj por nia movado, sed krome ili malfavore influas la efikon de nia propaganda ĉe aliaj. Valoras do serĉi la kaŭzojn de tio, kaj se eble, nuligi ilin.

Unu el la kaŭzoj konsistas el ĉi tio, ke parto de la kursanoj ne sufiĉe komprenas kaj sentas la gravecon de nia ideo kaj (aŭ) ne estas sufiĉe persistaj por venki la eventualajn malhelpojn kaj malfacilajojn. Tiurilate ni do devas klopodi bone komprenigi al ili la sencon de nia celado kaj kiel eble plej multe faciligi la lernadon.

Sed ankaŭ al la pli serioza laboristo, kiu laŭeble persistas en la lernado, prezentiĝas foje malfacilajoj. Ofte li partoprenas en politika, sindikata aŭ kulturaj movadoj kaj ne povas dediĉi sufiĉe da tempo al la studado. Krome li eble estas jam ne plu juna kaj la encerbigo de vortoj kaj reguloj postulas de li multe da peno. Ankaŭ por tiaj lernantoj estas dezirinde kiel eble plej multe faciligi la instruon.

Ekzistas diversaj instrumetodoj. Ni povas dividi ilin je du specoj: la t.n. „rekta" metodo (instruo laŭ Cseh, la tute esp.-lingva libreto „Petro", SAT-eldono, „Esperanto-Rondeto" de Rublev, k.a.) kaj la t.n. „gramatika" metodo (per ordinara lernolibro kiel „Nia Lernolibro", „La Komencanto" k.s.).

Pri la preferindo, ĉu de la rekta, ĉu de la gramatika metodo, la opinioj estas malsamaj. Ni persone apartenas al tiuj, kiuj — pro praktikaj motivoj — por laboristoj provizore preferas la gramatikan metodon.

Konvinkite pri la neceso plifaciligi kaj pliagrabligi la esp.-instruon kaj opiniante, ke provizore la gramatika metodo estas ankoraŭ preferinda, almenaŭ por nia laborista lernantaro, ni projektis novan lernolibron, kiu distingiĝas de la pimulto el la ĝisnunaj per jenaj aranĝoj:

1. La enmemorigo de la vortoj okazas aŭtomate per plurfoja legado de esp.-teksto. La tradicia, teda kaj malagrabla parkerlernado de longaj vorstlistoj per tio foriĝas.

2. La teksto destinita por la lernado de la vortoj servas samtempe por demonstri la gramatikajn regulojn. Ĉi tiu estas klarigataj per apuda teksto nederlandlingva.

3. La legotekstoj konsistas laŭeble ne el apartaj neinterligitaj frazoj, sed el simplaj priskriboj, anekdotoj, rakontoj ktp. Parto de ili iom rilatas al la esp.-movado.

4. La vortmaterialo konsistas precipe el la plej uzataj vortoj.

5. Nur la 16 reguloj de la Fundamento, kelkaj aliaj gramatikajoj kaj la afiksoj estas pritraktataj. Krome ni donas kelkajn informojn pri analizado de frazoj.

6. Aapartaj taskoj por tradukado forestas aŭ estas tre malmultaj.

La presteknika aranĝo de la lecionoj estas jena:

La legoteksto troviĝas sur la maldekstra paĝo. Ĉe lecionoj 2-10 ĝi okupas la maldekstran flankon de la paĝo kaj sur la dekstra parto troviĝas la kompleta traduko. Ĉe lecionoj 10-25 troviĝas flanke de la legoteksto la traduko de la NOVAJ vortoj.

Ĉe ĉiu nova vorto en la teksto troviĝas malgranda cifero, kiu resendas al la apuda traduko sur la sama paĝo.

Kiam iu gramatikajo aperas unuafoje en la teksto, ĝin sekvas numero inter ( ), kiu resendas al la apuda prigramatika klarigo. Ci tiuj klarigoj ĉiam troviĝas sur la dekstra paĝo, do flanke de la legoteksto. Sur ĉi tiu sama paĝo troviĝas ankaŭ „Demandoj por konversacio", se ili ne pro manko de spaco, aperas malantaŭe en la libro.

La instruo aŭ lernado okazas jene:

La unua leciono temas pri alfabeto, prononco kaj akcento.

Gi servas nur por memlernantoj. En kurso oni ne pritraktu ĝin, sed klarigu la prononcon laŭbezone ĉe la pritrakto de la legotekstoj.

En la unua kursvespero la gvidanto voĉlegas la legotekston de leciono dua, klarigas la prononcon, tiom kiom necesas, kaj la gramatikajojn. Poste la kursanoj laŭvice legu la tekston.

La hejmtasko de la kursanoj estas:

1. Legi la esp.-tekston kelkfoje voĉe (por la prononco).

2. Skribi la esp-tekston en kajero (por kutimiĝi al la vortbildo).

3. Legi kaj traduki la legotekston, frazon post frazo, plurfoje, laŭbezone konsultante la apudan tradukon, ĝis kiam oni povas traduki ĝin sen helpo de la nederlanda teksto apuda. (Oni kovru la nederlandan tekston per folio da papero!)

4. Rakonti la enhavon de la legoteksto per propraj vortoj (en Esperanto!) aŭ respondi la frazojn presitajn sur dekstra paĝo.

5. Ĉe lecionoj 2-10 retraduki la nederlandan tekston en Esperanto, ĉe lecionoj 11-25 traduki la esp.-tekston en nederlanda kaj la nederlandan denove en Esperanto.

6. Ĉiusemajne almenaŭ unufoje relegi ĉiujn antaŭajn lecionojn por ne forgesi la lernitajon.

La taskojn 4 kaj 5 oni eble povas plenumi buŝe en la kurso. Pri kelkaj aferoj la sperto devas ankoraŭ instrui min.

La ĉefa novajo de la metodo do estas, ke ni forigis la vortolistojn por parkerlernado kaj la el senenhavaj, neinterligitaj frazoj konsistantajn traduktaskojn.

Ilin anstataŭas legotekstoj, kiuj servas por enmemorigo de la vortoj, kiel ekzemploj de gramatikaj reguloj kaj kiel traduktaskoj.

Krome, la kvanto da vortoj estas malpligranda ol en Nia Lernolibro kaj La Komencanto. Vortoj malofte uzataj estas forlasitaj.

Parto de la legaĵoj temas pri iu familio, priskribas ĝian konsiston, ĝian domon, kelkion el ĝia vivo, el ĝia esp.-agado ktp. Per tio ni enkondukas la lernanton iomete en la esp.-movado. Ĉar necesis adapti la priskribon al la bezonoj de klarigo pri gramatiko, ili estas tute sen iaj beletraj kvalitoj!

Kamaradoj, kiuj interesiĝas pri la metodo, bonvolu skribi, aldonante poŝtmarkon, al

G. P. DE BRUIN,
Preangerstraat 35, Enschede.

## † FUNEBRA KOLONO †

Denove ni havas la malĝojigan taskon al la jam en antaŭaj L.E.-numeroj menciitaj nomoj aldoni tiujn de

**K-do A. J. Brinks**
sekretario de sekcio Deventer, mortis en Germanio.

**K-do S. Manheim**
ano de sekcio Rotterdam II, mortis en gas-ekstermejo (kun sia tuta kvinpersona familio).

**K-do A. v. d. Tas**
ano de sekcio Amsterdam X.

**K-do Wijnman**
aktivulo en la distrikto Den Haag, mortis en koncentrejo en Germanio.

FEDERACIA ESTRARO.

## LA SVEDAJ GEKAMARADOJ VOLAS HELPI NIN

La S.L.E.A.-kongreso, kiu en septembro okazis en Kalmar, elektis helpkomitaton por hollandaj infanoj de esperantofamilioj.

La familioj inter niaj anoj, kiuj bezonas helpon por infanvestajoj povas anonci tion al siaj resp. sekciestraroj kun la necesaj informoj pri la infanoj, la seksoj kaj aĝoj, kaj kion ili plej bezonas.

La sekciestraroj plej eble baldaŭ informu la fed. estraron, kiu siavice turnos sin al la svedaj gek-doj.

Ĝeneralaj anoj turnu sin rekte al la fed. estaro.

Adreso: Vier Heemskinderenstraat 53², Amsterdam-W.

## ALVOKO

Kiel malnova estrarano de T.A.G.E., mi alvokas la instruistaron en Nederlando interrilati kun mi por:

1e. starigi rondojn de kolegoj, kiuj emas organize labori por „Esperanto en la lernejoj" kaj deziras interkontakti pere de faka organo kun eksterlandaj kolegoj;

2e. senecese efektivigi tion de la komenco per simpla maniero de korespondado kaj stencilitaj cirkuleroj;

3e. klopodi por trovi kunlaboron kun eksterlandaj grupoj da kolegoj por eldoni internacian fakgazeton, kian la iama Pedagogia Revuo;

4e. se eble fondi Internacian Ligon de Instruistoj.

Subtenesprimojn aŭ aliĝojn oni sendu al mia adreso: P. Korte, Schoolstraat 13, Veendam, Nederlando.

## ALVOKO

La esperantistoj, studantaj en Universitato kaj en Altlernejo estas petataj turni sin al G. J. Snaauw, Galvanistraat 3, Amersfoort, Nederlando, por se eble realigi la fondon de Scienca Instituto por Esperanto en Nederlando, kun la celoj: 1e. instigi sian membrojn uzi Esperanton por sciencaj celoj; 2e. propagandi Esperanton en sciencaj rondoj; 3e. traduki sciencajn resumojn en Esperanton por sciencaj revuoj. Anoncu vin, senprokraste!

## INGEZONDEN.

**Tutmonda Junular-Movado.**

En nia lasta grupkunveno kelkaj anoj aŭdigis sian malkontenton pro la fakto, ke en L.E. de la novembro troviĝas la nomo de P. Krijt, eksano de nia sekcio, kaj estrarano de T.J.O. (En art.: Tutmonda Junular-Movado).

Ĉar laŭ tiuj membroj nomita Krijt estas suspektinda persono, kiu simpatie rilatis al N.S.B. kaj la germanaj uzurpintoj (senecese ii pretas pruvi tion), oni komisiis al mi averti la ĉefestraron kaj la redakcion de L.E. kontraŭ tiu persono.

En la nomo de sekcio Amsterdam 2a
J. VISSER, sekr.

## GRAVA DECIDO EN KONGRESO DE HISPANO SINDIKATO

En Parizo okazis en majo 1945 kongreso de la hispana sindikato C.N.T.

En tiu kongreso oni decidis efektivigi, ke

„la infanoj estos instruataj en la hispanaj lernejoj en la gepatra regiona lingvo kaj la hispana lingvo. Poste la unua lingvo, kiu oficiale estos instruata fariĝos Esperanto."

Nio, esperantistoj povas nur esperi, ke la nuna faŝista registaro baldaŭ malaperu, por ke la antaŭa aktiva esperanto-movado en tiu lando ĝuu la progreson, kiun ĝi meritas, favore al nia komuna afero.



„Kiu k-do, posedante ankoraŭ antaŭmilitajn numerojn de la periodaĵo

KLASBATALO

bonvolas pruntedoni ilin dum certa tempo (prefere sinsekvajn n-rojn)? Interrilatu kun: Marcelo Leereveld, Koloniepad 1, Blarikum, N.H.

# Perza Fabelo

Estis iam unu popolo, kiu devenis de la Anĝeloj, kaj kiu kompreneble estis tre pia. Kiam ili parolis pri kotono, ili celis kristanismon. Sed tio, Sheherazade, ja ne estas fabelo.
Nu, estis iam alia popolo, la tapiŝula popolo, kiu ampleksis dek-kvin milionojn da anoj. Tri milionoj el ili migris kun siaj brutaroj en lando zescentmil kvadratajn mejlojn granda.
Ĉu tute kovrita de tapiŝoj?
Ne, ankaŭ de sablo kaj herbo. Kaj sub la herbo....
Ĉu viperoj?
Vi rajtus diri tion, sed.... estis metalmineralo kaj petrolo. En la suda parto la petrolo, en la norda la herbo kaj la grenkampoj. La popolo de la Anĝeloj konkeris la sudan parton. Tie ĝi boris en la tero por kontentiĝi sian soifon per petrolo, kaj ili fondis tie stacion, kie la Anĝeloj survoje al la malproksima Hindujo povis provizi sin.
Tamen el la nordo venis alia popolo, la Ŝtalanoj. Ili havis ruĝajn flagojn kaj svingis falĉiletojn kaj martelojn. Ankaŭ ili soifis kaj serĉis petrolon, krom metalon por iliaj falĉiletoj kaj marteloj.
Ankaŭ ili volis fondi stacion por siaj karavanoj, kiuj iradis al Mez-Azio laŭlonge vojoj feraj, kaj ili serĉis havenon ĉe la Perza Golfo, ĉar iliaj propraj havenoj dum la vintro ne estis uzeblaj pro la blanka tapiŝo, flosanta sur la akvo.
Kiam la Anĝeloj kaj la Ŝtalanoj sin renkontis, ili malfide observis unu la alian. La Potencega Estro de la tapiŝa popolo, Riza Khan, estis ruza kaj incite pligrandiĝis tiun malfidon. Pro tio la lando mem restis memstrara. Tiam eksplodis la milito.... Kiu nun pasis.. Oni diras. Kaj en tiu milito la Anĝeloj kun la Ŝtalanoj kune laboris por kontraŭi la popolon kun la levitaj brakoj. Riza Khan estis forpelita kaj lia fileto anstataŭis lin. Li nomiĝis Mohamed Riza.
La tapiŝula popolo serĉis subtenon ĉe alia popolo, kiu ankaŭ parolas la ĉielan lingvon de la Anĝeloj, sed kiu estas pli potenca. Tiu popolo de steloj kaj strioj komisiis siajn oficistojn organizi kaj epiki la armeon, la policon kaj la impostistaron de Iranon. Ankaŭ ili soifis kaj okupis la lokon ĉirkaŭ la petrolo. La tri popolestroj interkonsentis revoki siajn soldatojn post la milito.
Ĉu ili plenumis sian promeson?
La Anĝeloj foriris, escepte okcent viroj. Sed la Ŝtalonoj restis, entute dudekmiloj da soldatoj. Sed kion diris tiuj Ŝtalanoj?
Ili diris nenion, ili agis.
Kaj kion faris la Anĝeloj?
Ili faris nenion, sed ili paroladis. La Ŝtalanoj estis en la norda parto, en Azerbejdsjano, kiu heredis sian nomon de fama tapiŝo. Ili tie kunveniĝis la homojn sur la centra placo, fondis la partion de la demokratoj, de la tuta ĝenerala homaro, tie nomita „Tudeh". Ĉi tiu partio laŭte kriis, ke ili postulas lernejojn, kie oni parolas la azerbejdsjanan lingvon, kaj ke ili volas dividi la landon inter la malriĉuloj. La malgranda viro en Teherano ne povis kompreni la plenrajtajn plendojn, ĉar li troviĝis tro malproksime. Sed la Ŝtalanoj estis tuj apude kaj promesis plenumi ĉion. Tiam la viroj de la popolo ekribelis. La malgranda Mohamed Riza sendis soldatojn, sed ilin resendis la Ŝtalanoj, kiuj donis al la partio de la demokratoj armilojn. Kaj la tuta provizo da petrolo restis en la sudo. Kaj inter ili estis la Stel- kaj Striuloj, kiuj koleras. Ĉiu koleris, kaj la Tapiŝanoj eĝe timis.
Mi jam diris al vi en la komenco, Sheherazade, ke ĝi ne estos interesa fabelo. Mi ŝatas aŭskulti ion alian, ion por mi novan.
Iam estis potenca popolo, kiu promesis ĉion ŝanĝi. Ĝi diris „Demokratio", kaj ĝi celis „Petrolo"....
(El la ned. gazeto „Het Parool" tradukis A.T.)

---

## RADIO

La radiostacio en Moravska Ostrava regule disaŭdiĝas ĉiumarde Esperanto-horeton, je la 22.20a horo.
Ondolongo 325,4 M.T.E. 922 Kc., laŭ m.m. Aŭskultu kaj sendu dankleteron.



# Bestuursmededelingen

**Correspondentie-adressen.**

Gezien de grote aanvraag is het ons niet mogelijk dadelijk aan alle verzoeken om buitenlandse adressen te voldoen. Men oefene dus enig geduld, wij zullen pogen aan ieders wensen zo veel mogelijk tegemoet te komen.
Bovendien vestigen wij er de aandacht op, dat het beschikbaar stellen van adressen alleen geldt voor leden onzer organisatie, dus niet voor abonné's en toevallige lezers van ons blad. Men vermelde dus tevens tot welke afdeling men behoort of dat men algemeen lid is.

**Interkontaktilo No. 3**

werd inmiddels aan onze afdelingen, algemene leden en functionnarissen verzonden.

**Betalingen**

voor Libro-Servo en contributie gelieve men nog steeds zo mogelijk per postwissel te doen.

**Statistiek cursussen.**

Wij vestigen ook nog eens langs deze weg de aandacht op ons verzoek in Interkontaktilo no. 3, om ons een gedétailleerd overzicht te zenden van de cursussen; soort, aantal deelnemers, leermiddelen, enz.

**Schriftelijke begincursus.**

Elders in dit blad treft men enige mededelingen aan over een schriftelijke cursus voor beginners, die bedoeld is voor diegenen, die niet in de gelegenheid zijn een gewone cursus te bezoeken, hetzij door dat men een bepaalde avond niet vrij kan maken, hetzij dat er in de plaats van inwoning geen afdeling bestaat, die een cursus organiseert.

**La Progresanto.**

De opgaven van abonné's voor L.P. dienen zo spoedig mogelijk in ons bezit te zijn, daar wij anders onze maatregelen niet tijdig kunnen nemen. Wij herhalen nog eens, dat de abonnementsprijs voor leden f 1.25 en voor nietleden f 1.75 bedraagt.

**RICEVITAJ DONACOJ.**

| | |
|---|---|
| Sekcio Leeuwarden | f 5.— |
| J. v. d. Rhee, Weesp | f 0.40 |
| | f 5.40 |

kun la antaŭe menciita sumo de f 825.41 (n'ro 6, paĝo 34) entute f 830.81.

**Volgend L.E.**

verschijnt op 29 December a.s. Copy gelieve men ons voor de 15e te doen toekomen.

*

**Esperanto-Ekzamenoj en Nederlando.**

La unuaj esperanto-ekzamenoj post la milito okazis en la komenco de oktobro en Amsterdam kaj Den Haag. La Ĝenerala Esperanto-Ekzamena Komitato, konsistiĝita de L.E.E.N. kaj la Federacio, ne hezitis aranĝi ĉi tiujn ekzamenojn tuj post la milito. La rezulto montris, ke ĝia optimismo estas prava; la esperantismo ne mortis dum la milito spite al malpermeso, konfisko kaj klopodoj por ekstermi nian idealon.
La nomoj de la sukcesintoj aperos en la sekvonta numero de L.E.
La sekretareo de la Ĝenerala Esperanto-Ekzamena Komitato estas ĉe fraulino H. M. Mulder, Zilvermeeuwstraat 29, Badhoevedorp (N.H.).

# Uit de Districten

**DISTR. AMSTERDAM.**

**Secr.: Orteliusstraat 231h.**

La 22an de oktobro la Amsterdama distrikto okaziĝis kunvenon kun la reprezentantoj de la sekcioj. Reprezentitaj estis la sekcioj 2a, 3a, 5a, 6a kaj 10a. Unu el la ĉefaj punktoj: pri la rezultoj de la propagando en la verda monato. Resumo pri tio aperis en la novembra numero de nia monata bulteno. Alia grava temo estis la demando, ĉu ni okaziĝu unu Zamenhofan vesperon por la tuta urbo. La kunveno malakceptis tiun planon, ĉar ĝi opiniis, ke la financa risko estas tro granda kaj krom tio ni verŝajne eĉ ne sukcesos lui taŭgan salonon. Por eviti tiujn malfacilojn kaj tamen iel rememori la naskiĝodaton de Zamenhof, ni decidis prefere aranĝi plurajn kvartalkunvenojn. Intertempe ni jam faris kelkajn paŝojn por certiĝi provizore almenaŭ du kunvenojn. La unua, por la okcidenta kvartalo, okazos la 16an de decembro, vespere je la 8a, en la supra salono de teatro „De Liefde", Da Costakade. La dua, por la orient-kvartalo okazos la 22an de decembro, je la sama horo en „Markanti", Veelaan 12/14. Baldaŭ ni denove aranĝos komunajn vizitojn al la diversaj muzeoj en la urbo. Oni atentu detalojn en la decembra numero de nia bulteno.

Sekretario.

**DISTRIKTO GELDERLAND**

**Sekr.: Amsterdamscheweg 39, Arnhem**

La 4an de nov. okazis nia unua distr. kunveno. Pro la malhelpo en la trafiko nur ĉeestis du el la kvar sekcioj kaj du ĝeneralaj anoj, tamen eblis fari decidojn, kiuj certigis la ekfunkciadon de la distrikto, kaj donis perspektivon por la proksima estonto.
Prezidanto nun estas k-do Henstra, sekretario subskribinto, kaj kasisto k-do H. Arents, Joh. de Wittlaan 72, Arnhem. La kotiz-pagado validas ek de la 1a de oktobro 1945. Ĝis la fino de ĉi-tiu jaro la anoj ŝuldas po 15 cendoj, ĝis la fino de 1946a po 75c. La ĝen. anojn ni petas tuj pagi ĉi-tiun sumon. La sekciaj kasistoj pagu kvaronjare.
En diversaj lokaj momente troviĝas 12 ĝen. anoj, inter kiuj 6 en Zutfen. Isolita unuecgrupo malhelpas restariĝon de federacia sekcio. Zutfen estis unu el la plej malnovaj sekcioj de nia distrikto. La anoj tie konu sian devon kaj kiel sekcio kunlaboru kun ni.
Ni priparolis planon rilate al okazonta kernkurso, kondiĉe ke la trafik-ebloj pliboniĝos. Tamen daŭros ankoraŭ ĝis majo de la sekvonta jaro. Antaŭ tio (en februaro) fiksiĝos la sekvonta distrikt-kunveno.
Kamaradoj kunlaboru ciuj por la kresko de nia distrikto, partoprenu en ĝia laboro.

W. Saaltink.

**S.A.T.-RONDO EN ARNHEMO.**

La Arnhema S.A.T.-rondo ekfunkcias denove, post pli ol 5-jara silentado. Kvankam la unua kunveno estis tre malbone vizitata, la nombro de re-kaj novaliĝintoj estas kontentiga, nome, je la 15a de novembro, ĝi estis 17, dum kelkaj ankoraŭ aliĝos. Gek-doj F.L.E.-anoj, anoncu vin tuj ĉe la loka peranto. La kotizo por 1946 estos f 3.—, dum por la cetera parto de 1945 oni pagu f 0.50. En ĉi sumoj estas enkalkulita f 0.50 por la loka S.A.T.-grupo. Geedzoj pagu f 5.— jare.
Vizitu niajn grupvesperojn, dum kiam ni pritraktas diversajn interesajn temojn, kiuj pli malpli rilatas nian S.A.T.-movadon.
**Subtenu S.A.T.! Por ke ĝi vivu!**
La loka S.A.T.-peranto:

A. Henstra Jzn, Taklaan 5.

**OP WEG NAAR HERSTEL**

*Nieuwe afdelingen werden opgericht in:*
*Maastricht. — Merksem. — Brunssum.*
*Breezand. — IJmuiden.*
*Wij heten ze van harte welkom. Welke nieuwe afdelingen kunnen wij in ons volgend nummer van L.E. vermelden?*

# Uit de afdelingen

**AFD. AMSTERDAM X.**

**Secr.: Marco Polostraat.**

La vintro komenciĝis kaj ankaŭ nia sekcia laboro. Estontece vi povos elekti el la jenaj kursvesperoj:
Lunde: elementa kurso sub gvidado de k-do Vogel en nia ejo „Eigen Haard", Oostzaanstraat 3
Marde: elementa kurso sub gvidado de k-do Pennink en la suprenomita ejo.
Jaŭde: konversacivespero en nia ejo „De Arend" angulo Planciusstraat-Breeuwersstraat.
Vendrede: elementa kurso sub gvidado de k-do Zootjes en „De Arend" kaj samtempe daŭriga kurso sub gvidado de k-do Muller en ejo Polanenstraat 60.
Ni ĉiam komencas je la 8a vespere. Ni do ekstudu. D. Koeman

**AFD. AMSTERDAM XVII.**

**Secr.: Kl. Kattenburgerstraat 103².**



Grupo da niaj propagandantoj, preta por ataki la publikon!

Kvankam mankis al ni la antaŭmilita materialo, ni tamen decidis aranĝi ekspozicioin. Sekve ni ekspoziciis dum kvar dimanĉoj en la verda monato, kaj la sukceso kontentigis nin pro la enskribo de 50 gekursanoj. La geanoj mem prizorgis la propagandilojn i.a. la konservitajn korespodaĵojn, broŝurojn, gazetojn, k.t.p., kaj la Libroservo disponigis al ni la bezonatajn librojn. Pro tio ni povis doni al la vizitantoj vastan rigardon pri la neceso kaj utilo de la lingvo Esperanto. Krome ni kore dankas s-ron Wagter Cz. Peterstraat, kiu afable disponigis al ni sian montrofenestron, en kiu ni povis aranĝi propagandon, multe tirante la atenton de la publiko. Ni daŭrigos nian laboron, por ke Esperanto vivu kaj kresku. A. Munnik, sekretario

**AFD. ANTWERPEN.**

**Secr.: Daenenstraat 25, Berchem-Antwerpen.**
La 19an de oktobro refondiĝis nia sekcio „Antaŭen", ĉeestis 17 personoj; oni elektis provizoran estraron: prezidanto k-do Mortiers, sekr. k-do Cautaert, kasisto k-do Van der Eecken. La prezidanto paroladis pri la utilo de Esperanto kaj la neceso de lingvo internacia. Li invitis la ĉeestantojn regule partopreni kursojn kaj kiom eble plej multe uzadi Esperanton kiel konversacian lingvon. Li instigis la kursanojn membriĝi al la sekcio. La grupo jam havas 20 membrojn. Oni interkonsentis viziti la eksanojn por revarbi ilin. La estraro decidis, ke la ĝeneralaj kunvenoj okazu ĉiun duan verdredon de la monato, je la 20a horo, en la kunvenejo „Den Hertog", Herenthalschlaan 251, Deurne-Antwerpen.
Sekretario.

**AFD. ARNHEM.**

**Secr.: Schuttersburgweg 61**

La 8an de novembro nia sekcio kunvenis. Ĉeestis malmulte da anoj, eble pro la malbona vetero. Ni decidis festi la Sanktan Nikolaon je la 6a de decembro. Ĉiu ano donos malgrandan surprizon kaj verkos por ĝi poemon. Al la anoj de nia sekcio: Ĉeestu multnombre! Lu dua grava punkto estas, ke ni kunlaboros kun la Arnhema sekcio de „L.E.E.N." por kune festi la Zamenhof-Vesperon. La pogramon ni baldaŭ sendos al vi. La vespero okazos jaŭdon la 20an de decembro 1945 en la kafejo „Victoria", Bovenbeekstraat.
K-do Lubbers, kiu estas nia sekretario, momente nun ne povas plenumi sian taskon pro studado, kaj dum tiu tempo k-do Bakker anstataŭas lin.
C. H. J. Bakker

**AFD. GRONINGEN**

**Secr.: Nachtegaalstraat 19a.**

Ni festos en kunlaboro kun la sekcio de L.E.E.N., la 15an de decembro, nian Zamenhof-vesperon, en „Nieuw Leven", Nieuwstad. K-do Feiko Munniksma parolados. Grupo el niaj gekamaradoj prezentos teatraĵon, kaj ĥoreto, konsistanta el anoj de nia sekcio kaj de L.E.E.N. kantados. La festo komenciĝas je la 7a. Venu grandnombre!
Pro malvarmo ni ne plu povas kunveni en 't Prinsenhof. Ni formis grupetojn, kiuj kunvenas ĉe kelkaj anoj hejme. Ni esperas, ke nun ĉiuj anoj vizitos niajn konversaciajn vesperojn. Ankaŭ niajn membrokunvenojn oni vizitu pli bone. Por aboni „La Progesanto"-n oni kiel eble baldaŭ turnu sin al la sekretario.
R. van Kempen

**AFD. HAARLEM.**

**Secr.: Nassaustraat 12 rood.**

La 15an de julio la Harlemaj esperantistoj kunvenis por refondi sekcion. Ĉi tiun vesperon anoncis sin 76 malnovaj membroj kaj nun ni jam enskribis la 110-an anon. Membro de junularunuiĝo petis, en tiu kunveno, ĉu eblas ke la Federacio povas prizorgi komenckurson por ĝiaj anoj. Kompreneble la estraro konsentis.
Kune kun la katolikoj kaj la teŭtraluloj oni organizis propagand-vesperon. La intereso por Esperanto estis tiom granda, ke la estraro de la kontaktkomitato decidis okazigi 3 komenckursojn. Pro la granda sukceso oni en oktobro, denove propagandis, sed tiam per ekspozicio. Do entute en Harlemo okazas 5 kursoj por komencantoj.
Por niaj membroj la estraro orĝanizis 10 studgrupojn. Do, ĉiu ano fakte povas partopreni, ĉu gramatikan kurson aŭ konversacian vesperon.
K-dino G. Gerlofs.

**AFD. NIJMEGEN.**

La sekcio sukcesis aranĝi kurson por komencantoj kun 12 partoprenantoj kaj havas la esperon, ke tiu nombro ankoraŭ pligrandiĝos. La kurson gvidos la prezidanto, k-do Roelofs, kaj la sekcio kombinos ĝin kun la konversaciaj vesperoj. La sekcio kunvenas ĉiun lundan vesperon je la 19 30 horo en la konstruaĵo „Eegma".
Sekretario.

**AFD. ROTTERDAM II.**

**Secr.: Lange Hilleweg 203b Z.**

Dum la Verda Monato montriĝis, ke la propaganda komitato, kiun la anoj elektis dum la refondiĝ-kunveno, bone komprenis sian taskon. La ebloj por propagandi nian lingvon ne estis grandaj. Flugfoliojn ni ne havis, sed en multaj butikoj pendis niaj murafiŝoj kaj en butiko de unu el niaj anoj, en homplena strato, la komitato aranĝis ekspozicion, kiu forte tiris la atenton de la preterirantoj. Precipe k-do N. Langerak senlace laboris, li vizitis mutajn butikistojn, kie ni poste vidis niajn afiŝojn. Krom tio la persona propagando de la anoj bone efikis.
La 15an de oktobro komenciĝis la „kurssemajno". Lundon, k-do C. v. Essen, kiel prezidanto, malfermis la unuan elementen kurson; ĉeestis 35 kursanoj.
Mardon, la dua elementa kurso komenciĝis; ceestis 23 kursanoj. Merkredon 21 anoj de 2a, 5a kaj 6a sekcioj anoncis sin por la A-kurso, kiun ĉi tiuj tri sekcioj komune aranĝis. Jaŭdon 46 personoj estis en nia salono por la unua leciono de la tria elementa kurso. Je Vendredo ni aranĝis daŭrigan kurson, kiun 26 anoj partoprenas.
Kiam ni pensis, ke nia programo nun ja estas preta, unu el niaj anoj, fervojisto, kiu ĉiam propagandas inter siaj kolegoj, sciigis al la estraro, ke li varbis 15 personojn por elementa kurso, kiun li mem gvidos dimanĉmatene.
Do pli ol 100 personoj ĉi tiun vintron sekvos elementan kurson kaj proksimume 50 anoj pligrandigos sian scion pri nia lingvo. Krom tio kelkaj anoj sekvas la skriban B-kurson de la federacia estraro.
Ĉar nia salono ĉiun vesperon estas uzata por iu kurso, ni konversacias unufoje en 14 tagoj en Zuidervolkshuis. La estraro opinias tiun aranĝon nefavora kaj ĝi klopodos akiri salonon en la sama konstruaĵo ĉiusemajne. Dum septembro kaj oktobro aktiveco regis en nia sekcio. Ni daŭrigu sur la sama vojo!
La sekr.

**AFD. UTRECHT.**

**Secr.: Bollenhofschestraat 72.**

En la monata junio kelkaj kamaradoj interkontaktis por denove funkciigi nian sekcion. Post kelkaj semajnoj okazis kunveno, en kiu estas elektita komitato por pretigi la komencan laboron. En tiu kunveno la 2 antaŭaj sekcioj kunfandiĝis. La nomo restas „Frateco". La 17an de julio okazis la unua membrokunveno, en kiu ni rememorigis la terurajn militjarojn kaj honore memoris la mortintajn kamaradojn. Ni raportis pri la posedaĵoj de nia sekcio, kiuj feliĉe ne ĉiuj perdiĝis por ni. La estraro elektita estas: Prez. G. J. de Vos, sekr. R. Knip, 2a sekr. P. Havers, kas. M. P. Varkevisser, 2a kas. K. Swartjes. Krome ni pritaktis diversajn laborojn kaj decidis okazigi kursojn por komenantoj kaj progesantoj kaj aranĝi konversaciajn verserojn. Ni delegis k-dojn de Vos kaj Havers al la kongreso en Amsterdamo. K-do H. A. v. Dijk, kiu fariĝis libro-servanto jam multe vendis. Krome k-do Swartjes prizorgas la bibliotekon. La libroj, inter kiuj troviĝas tre belaj oni povas prunti po 5 cendoj semajne. Ambaŭ kursoj kaj konversaciaj vesperoj jam okazis regule kaj ni pere de ili gajnas multe da sukceso. La komencantkurso estas gvidata de k-do de Vos, la daŭriga kurso de k-do W. C. Reiff kaj la konversaciaj vesperoj de k-do Chr. F. W. Slijper. Pro akcepto de tre grava funkcio ĉe nia Federacio k-do G. J. Degenkamp forlasis nian sekcion. Ni multe perdis pro tio, ĉar li ĉiam tre aktive kunlaboris. Ni sincere dankas lin pro ĉio, kion li faris por ni ĉiuj kaj ni deziras al li agrablan laboron en Amsterdamo por la bono de nia Federacio. Ni denove invitas kaj instigas la membrojn regule viziti la konversaciajn vesperojn ĉar ili estas tre intersaj kaj instruaj. Ili okazas marde, ĉiusmajne je la 7.30a horo en la konstruaĵo „Vriendenkring Oudwijk", Brigittonstraat 1. Ni petas al ĉiuj membroj kunlabori por la bono de nia idealo
La Estraro.

**AFD ZAANDAM.**

**Secr. Franschestraat 17, telefoon 3571.**

Onze eerste van de serie openbare esperanto vergaderingen, welke wij een dezer dagen hielden, en waar onze k-do N. H. Slinger sprak, was ook door de vertoning van intresante esperanto-filmbeeldjes, een succes. Mede door de aanwezigheid van geestverwanten uit diverse andere afdelingen, ook zelfs uit Amsterdam, kunnen wij spreken van een goed geslaagde esperanto-vergadering, waar een ieder, niet alleen op taalkundig, doch ook op aardrijkskundig gebied weer het een en ander geleerd heeft.
In het kader van deze serie houden wij nu Zondagmorgen 16 December, om 10 uur, in de grote zaal van „De Karsseboom" op de Dam, onze Zamenhof-herdenkingsvergadering. Wegens het uitzonderlijk karakter van deze vergadering, hebben wij gemeend aan deze ochtend onze bijzondere aandacht te moeten schenken, vooral ook wat betreft het gesproken woord en het muzikale gedeelte enz., opdat wij met recht zullen kunnen spreken van een onvergetelijke esperanto-bijeenkomst.
Vanzelfsprekend zijn ook geestverwanten van andere plaatsen van harte welkom. Fietsenstaling is aanwezig.
Secretaris.